13-a jaro. — N-ro 1 (143) JANUARO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

**Fondintoj:** L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al:

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**



**JARA ABONPREZO: Fr. 12,50**

**EKSTERLANDE: Belgoj 4.—**

ANTVERPENO

1927

13a JARO. N-ro 1 (143) JANUARO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

POST DUDEK JAROJ

## LA JUBILEO DE "LA VERDA STELO"

La 8-an kaj la 9-an de Januaro, la granda Liga Grupo «La Verda Stelo» festis en la salonego «Patria» sian dudekjaran ekzistadon kaj samtempe la samdaŭran prezidantecon de nia pioniro Frans Schoofs.



Ĉiuj partoprenintoj pravigos nin, kiam ni, en la komenco de tiu ĉi raporto esprimas korajn gratulojn al la organizintoj kaj plenumintoj de la programo, pro ilia taŭga laboro.

Ĉiuj partoprenintoj ankaŭ konsentos unuanime, kiam ni diros, ke la festoj sukcesis — kaj ĉiuj ne - partoprenintoj ĉiam bedaŭros, ke ili ne ĉeestis nian duoblan jubileon.

Vere la forestintoj estis malpravaj!

:-: :-: :-:

LA KONCERTO.

Sabato, — je la oka vespere!

La granda salonego de la festejo « Patria » pleniĝis je gaje babilanta Esperanta publiko. Krom Esperantistoj, personaj amikoj de la jubileulo alvenis kaj aŭskultis interesite la belsonajn konversaciojn.

Multaj eminentuloj de la Belga Esperanto-movado el Antverpeno, kaj el diversaj aliaj urboj varme salutis unu la alian.

Estis vere bela aspekto, tiu salonego plena je ĝojmiena festantaro: fraŭlinoj kaj sinjorinoj kun la freŝa mimozbukedo sur la multkoloraj vestaĵoj inter la unukoloraj, la nigraj sinjoroj.

Tondra aplaŭdo salutis la eniron de gesinjoroj Schoofs, kiuj respondis al tiu kora gesto de simpatio per feliĉaj ridetoj.

Sinjoro Maŭr. Jaumotte, la prezidanto de la Festkomitato Frans Schoofs, anoncis malgajan okazintaĵon, kiu malhelpis du el niaj fervoraj samideanoj, amikoj Geerinck, ĉeesti la festojn: ilia patro subite mortis. La publiko dum kelkaj momentoj de grava silento montris sian sinceran kunsenton en ilia funebro.

Tiam la festo komenciĝis.

Ni havas antaŭ ni la belan programon, kun bildo de sinjoro Schoofs kaj ni ĝuas la multajn numerojn de la koncerto. Post pianoludado de «La Espero» de S-ino Lucette Faes, F-ino Maria Jacobs, akompanata ĉe la piano,de sia frato S-ro M. Jacobs, deklamis; S-roj Weissenborn, Gust. Van Reeth kaj F-ino Jeanne Van Bockel ludis kune «arion» por fluto, volonĉelo kaj piano; S-ro Gust. Van Reeth aŭdigis «sonaton», F-ino Parkinson kantis, S-ino Lucette Faes - Janssens ludis plane belegajn muzikaĵojn, S-ro H. Vermuyten deklamis sentoplene kaj S-ro Guillaume Loquet kantis per varma voĉo du bonelektitajn ariojn.

Tiam, post la unua parto de la programo, la jubileulo, la festkomitato kaj ĉiuj reprezentantoj de Esperanto-grupoj supreniris la scenejon kaj komenciĝis la festkunsido.

Sinjoro Maurice Jaumotte, kiel prezidanto de la Festkomitato, malfermis la fajron de la paroladoj.

Post saluto al la aliurbaj Esperantistoj, kaj danko en Flandra kaj Franca lingvoj al la Esperantemaj, sed ne jam Esperantaj personoj, kiuj ĉeestis, la parolanto skizis la Esperantistan karieron de sinjoro Frans Schoofs. Li rakontis kiel la jubileulo esperantistiĝis kiel li tiam tuj komencis la verdigon de sia ĉirkaŭaĵo, kiel li serĉis tujan kontakton kun la jam ekzistantaj Esperantaj mezoj. La tre juna, sed tial eble ankoraŭ pli fervora samideano starigis vastan batalplanon, kiun li dum

la sekvantaj jaroj, gvidante kursojn kaj starigante grupon ne nur ellaboris, sed ankaŭ pligrandigis, kiom nur eble estis. La grupo «La Verda Stelo» stariĝis en la jaro 1907 kaj de post tiam la grupo kaj ĝia prezidanto estis nur unu. Kaj nemulte da personoj ekzistas, kiuj post laboro de dudek jaroj, povas tiel fiere kaj kviete malantaŭen rigardi, kiel ĝin povas S-ro Schoofs. Sed ne tian ankoraŭ tro malvastan laborkampon deziris la sindonemo de Fr. Schoofs. Li etendis sian laboron super nia malgranda lando kaj okupis sin pri la internacia movado. La fina rekompenco de lia internacia helpo estis la konfido kiun oni ĉie al li montris kaj lia elekto en Locarno kiel sekretario-kasisto de la Konstanta Reprezentantaro. Tie ĉie S-ro Jaumotte speciale dankis la prezidanton de K. R., nian grandan amikon S-ron H. Petiau, pro lia ĉeesto.

Nunmomente «La Verda Stelo» ĵus leĝiĝis. Ĝi fariĝis «Societo sen profita celo». S-ro Schoofs akceptis la honoran prezidantecon de la ĉiutaga laborkomitato kaj la prezidanteco de la Administrantaro. Tiamaniere li daŭrigos la gvidadon ĝeneralan de la grupo, sed ne plu speciale devos sin okupi pri la detaloj, kaj povos ĉiel sin pli dediĉi al la nacia kaj internacia movado.

Tiam S-ro Jaumotte post kelkaj dankvortoj al S-ro Schoofs donacis belan poŝhorloĝon, je la nomo de la festkomitato, kaj de ili, kiuj al ĝi aliĝis.

S-ro Morris De Ketelaere, kiel vic-prezidanto de «La Verda Stelo», dankis la jubileulon per bela alegorio pro ĉio, kion li faris por la grupo, kaj ĝojas pri la ĉiama plifortikiĝo de «La Verda Stelo» mem. S-ro Champy, anstataŭante S-ron Oscar Van Schoor, kiu estis malhelpita ĉeesti, gratulis la jubileulon nome de la Antverpena Grupo pro lia laboro kaj laŭdis la grupon pro ĝiaj klopodoj.

S-ro Derweduwen parolis nome de la Antverpena Polica Grupo Esperantista; S-ro Kempeneers, nome de la Brusela Grupo; S-ro De Boes nome de «Al Triumfo» el Sankta Nikolao; S-ro Van Doren, nome de la Pann'a Grupo «La Mara Stelo» kaj S-ro Pirnay, je tiu de la grupo de Verviers.

S-ro Cogen,funkcianta prezidanto de la Belga Ligo Esperantista kaj reprezentanto de la Genta Grupo «Progreso» post kelkaj laŭdaj vortoj donacis al S-ro Schoofs, nome de ambaŭ organismoj, fontplumon kaj marmoran sorbilon kaj alportigis de F-ino J. Van Bockel, belajn florojn al S-ino Schoofs.

Poste S-ro Vermandere, je la nomo de U. E. A. donacis arĝentan skribilon, senditan de ĝia direktoro S-ro Jakob, kaj «last not least» parolis S-ro Henri Petiau, prezidanto de K. R., kiu ankaŭ reprezentis la Genta'n Grupon, kaj kiu post bela entuziasta kaj varma parolado, donacis al la jubileulo belan kristalan likvorujon.

Al la gratuloj ne fino estis: Nun F-ino Jeanne Van Bockel, la sindona sekretariino de la Festkomitao legis la telegramojn koj leterojn kiuj alvenis; leteroj el Bruĝo, Mechelen kaj Lier, telegramoj de S-ro Privat,

prezidanto de U. E. A., Jacob, direktoro de U. E. A., Kreuz, sekretario de la C. K. ĉiuj el Genève; de S-ro Witteryck, prezidanto de «La Belga Ligo Esperantista», el Brugge; de F-ino Dorsinfang, el Namur, de la familio Vincent, el Bruselo, de S-ro Herman De Schutter, de S-ro Gust-Faes, kiu ne povis ĉeesti la gratulparton. S-ro Schoofs ankaŭ ricevis gratulojn de S-ro Van Melckebeke, de S-ro Van de Velde, de S-ro Geerinck, de S-ino Elworthy-Posenaer, de F-ino Thooris kaj de ges. Paul Blaise, el Londono; ankaŭ de la unua sekretario-fondinto de «La Verda Stelo», S-ro Istace, el Parizo, kiu je tiu okazo remembriĝis.

S-ro Schoofs leviĝis poste kaj per emocia voĉo dankis pro la belaj vortoj, la belaj donacoj, la belaj festoj, kaj promesis ĉiaman kunhelpon al ĉiu por la bono de nia idealo.

Kaj tiam S-ro Maur. Jaumotte fermis la «paroladujon»» per lasta vorto de danko al ĉiuj, kiuj kunhelpis je la organizo kaj la efektivigo de la festoj.

La dua parto de la programo aŭdigis nin denove S-ron Hector Vermuyten, la brilan deklamiston, S-ron Gust. Van Reeth, la junan kaj lertan violonĉeliston, F-inon Maria Jacobs, en naiva infanlegendo, S-non Lucette Faes, la ĉarman kaj talentan pianludistinon, kaj S-ron Guill. Loquet, akompanatan ĉe la piano de lia frato Antoine en «ario» el «Barbier de Séville», kiun li devis duafoje kanti.

Ni preskaŭ forgesis rakonti al vi, ke la bonvolaj kaj tiel talentaj artistinoj ricevis belajn florojn.

Kiam la ĉeestantoj foriris, ili ĉiuj esprimis sian plej altan kontenton pri la koncerto kaj atestis ĉiam rememori pri la bela vespero, kiun ili travivis en «La Verda Stelo».

## LA FESTENO.

Dimanĉe, la 9-an de Januaro, je la tria posttagmeze, okazis en la sama festejo «Patria», la festeno.

Tiamaniere komenciĝus ankaŭ raporto de teda kunveno kaj, ke la festeno ne tia estis, demandu tion al la muroj... «ili havas orelojn», diras la proverbo, kaj, se, tiel estas, ili certe nur aŭdis la ĝojan tintadon de la forkoj kaj tranĉiloj, la tiel ŝatindan interpuŝadan de glasoj, la bonhumorajn ridojn de gajaj gefestemuloj, kiuj forgesis ĉiujn penojn kaj malfacilaĵojn en kora kaj varma agrableco, en plaĉa mezo, kie regis en plena potenco... Koreco kaj Gajeco...

Kia bela ornamita tablo. Kia luksa aspekto: Inter la glasoj kaj teleroj hele verdaj girlandoj karesis la okulojn; ĉiuj sinjorinoj kaj fraŭlinoj ricevis mimozbukedon kun dikaj flavaj floretoj. La multekoloraj vestaĵoj de la ĉarmaj inoj gajigis la vidon kaj kreis atmosferon de belo kaj de bono.

Ni nun komencos nian rolon de raportisto kaj priskribos al vi la honortablon.

Ĝin prezidis, Sro Maŭr. Jaumotte, malnova konatulo kaj festkomitat-

prezidanto. Sidis dekstre de li: S-ino Schoofs, S-ro Schoofs, S-ino Jaumotte, S-ro Osc. Van Schoor, F-ino De Buysser, S-ro Champy, kaj S-ro Kempeneers, kaj maldekstre, F-ino Jeanne Van Bockel, la afabla sekretariino de la Festkomitato, S-ro Henri Petiau, F-ino J. Morrens, S-ro M. De Ketelaere, F-ino E. De Waegenaere, S-ro G. Vermandere kaj S-ro Ritschie.

Ĉe la aliaj tabloj — ili estis en T-formo — sidis do ankoraŭ proks. kvardekkvin personoj,ĉar estis sesdeko da kunmanĝantoj.Antaŭ la atako de la pladoj oni fotografis la ĉeestantojn.

Tiam oni vere atakis kaj dum kelka tempo oni nur aŭdis la supre cititajn, tute ne misterajn bruojn.

Kiam inter du planoj, oni iomete atendis, S-ino Lucette Faes aŭ S-ro Ant. Loquet ludis piane, S-ro Guillaume Loquet kantis kaj S-roj Hector Vermuyten, Ant. Loquet kaj W. De Schutter deklamis spritaĵojn, kiuj akrigis ankoraŭ la apetiton kaj precipe la soifon.

Je la deserto la nesilentigebla S-ro Jaumotte portis la unuan toaston al S-ino Schoofs, la tiel sindonema, tiel helpema kaj tiel ĉarma edzino de la prezidanto. Kaj je la fino de lia korvarma paroladeto, S-ro Jaumotte ĉirkaŭbrakis la emociitan prezidantedzinon, dum oni alportis la verdstelan florkorbon.

Kaj malgraŭ la kortuŝo kaj la larmoj pro ĝojo kaj feliĉo, S-ino Schoofs dankis ĉiujn — kaj estis la vico de ĉiuj senti bruli en siaj okuloj pro admiro por tiu edzino, kiu metis kaj metos ĉiam tuj post sia edzo kaj sia filo, Esperanton kiel la plej valoran idealan vivcelon.

Dua toasto iris al S-ro Schoofs, kaj tiam S-ro De Ketelaere kies voĉo obtuziĝis pro kunsento, ankaŭ kore dankis S-inon Schoofs. S-ro Oscar Van Schoor transdonis je la nomo de «Antverpena Grupo» belan donacon al S-ro Schoofs,kaj ĉiuj aklamis,kiam tiu malnova pioniro ĉirkaŭbrakis sian plijunan samideanon, kunlaboranton kaj amikon! Poste S-roj Kempeneers, De Boes, Van Doren, Van Riet, en Holando loĝanta Antverpena samideano, Van der Auwera, policisto, dankis la ambaŭ gefestitojn je la nomo de la diversaj grupoj. S-ro W. De Schutter parolis nome de la amikoj de la familio Schoofs kaj S-ro Guill. Loquet dankis en Flandra lingvo por la ne-Esperantistoj.

S-ino Schoofs ricevis ankoraŭ multe da belaj florgarboj.

Tiam S-ro Schoofs videble emociigita, dankis kaj por lia edzino kaj por li mem. Li sendis specialan dankesprimon al la festkomitato, al la bonvolemaj gekunlaborantoj al la festoj, kaj petis ke oni trinku je la ĉiama sukceso de nia kara lingvo «Esperanto».

Fine S-ro Jaumotte anoncis la disiĝon de la «festkomitato Frans Schoofs» kaj la lastaj dankvortoj de la vespero iris al la membroj de tiu komitato.

Inter tiuj membroj, ni volas precipe citi F-inon Jeanne Van Bockel, la neniam-laca sekretariino, kaj S-inon Lucette Faes, kiu prizorgis spe-

ciale la koncertan parton; kaj kiuj ambaŭ kunhelpis ĉiamaniere je la sukceso de la jubileo.

Kaj ni volas uzi tiun ĉi lokon por danki kaj ege danki iun, kiu, ĉar li tro parolis li mem, forgesis sin mem: S-ro Maurice Jaumotte, ke vi volu aŭ ne volu, vi akceptu tie ĉi korajn dankojn de ĉiuj, ĉar ĉiu devas scii, ke la vera animo de la jubileaj festoj estis vi. Vi gvidis la aliajn, vi kombinis ĉion, kaj, ĉiu vidis, kiel vi tion faris!

Kaj nun la dancfesto. Antaŭen la muziko!

:-: :-: :-:

LA DANCFESTO.

La kunmanĝintoj malsupreniris la ŝtuparon, — ĉar ni sidis unuaetaĝe por la festeno, kaj eniris la salonegon, kie la muzikistoj jam atendis. Ankaŭ multaj ne-kun-festen-intoj sidis tie, kaj rigardis iom moke la belajn ruĝajn rozojn sur la vangoj de la gesinjoroj.

Post komenciga danco de S-ro Ritschie kun S-ino Schoofs, la balo komencis... Ĝoja finiĝo por ĝojaj festoj.

Surprizoj estis donacitaj al la dancemuloj kaj ke la deviga fermhoro ĉiu bedaŭris. ke la du tagoj jam forpasis.

Ili neniam revenos... sed ili neniam tute foriros, almenaŭ ne el nia memoro.

DETALIGINTA SINCERULO.

---

NIA ORGANO

# NOVA TARIFO!

Ni certe mirigos neniun dirante, ke la nuna abonprezo de nia revuo ne plu sufiĉas por garantii ĝian regulan aperon. Ĝis nun,malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj ni sukcesis ekvilibri nian budĝeton sen plialtigi abonon, sed nun la cirkonstancoj estas pli fortaj ol nia bonvolo: la daŭra plialtiĝo de la kosto de l'papero kaj de la presado devigas nin ŝanĝi niajn abonprezojn kaj iom pli altigi ilin. Tamen, tiu plialtiĝo ne estos grava: estonte la abono kostos 12.50 fr. por la izoluloj kaj 10 fr. por la grupoj, kiuj mendos almenaŭ 10 abonojn.

Ni esperas, ke tiuj favoraj kondiĉoj instigos ĉiujn belgajn Samideanojn aboni nian revuon kaj tuj repagi la abonon. Ni faras varman alvokon al la grupaj kasistoj por ke ili zorgu senprokraste pri la reabono de ĉiuj siaj gegrupanoj.

«Belga Esperantisto», kiu estas la ĉefa ligilo inter la belgaj samideanoj estas nepre necesa kaj devas aperi regule. La Ligestraro nenion preterlasos por ke, estonte, ĝi aperu ĉiumonate sed ĝi bezonas la helpon de ĉiuj. Ne utilas kritiki kaj plendi pri prokrasto sed necesas ke ĉiu, kunhelpu kaj kunlaboru! Belgaj amikoj ne forgesu, ke B. E. estas via organo kaj ke konsekvence via devo estas subteni ĝin. En la nunaj cirkonstancoj kio estas 10 fr. jare! Ni volas kredi, ke ĉiuj niaj grupanoj

volonte deprenos tiun ridindan sumon de sia trinkmono kaj tuj repagos sian abonon!

Alia plej efika rimedo por certigi la regulan aperon de nia ĵurnalo estas la varbado de anoncoj. Se ĉiu grupo haviĝus nur unu paĝon jare la vivrimedoj de nia organo estus certigitaj. Ĉu vere ni ne povas kalkuli je tiu malgranda kunhelpo? Ĉu vere oni daŭre lasos la tutan laboron kaj respondecon al la Ligestraro. Nia movado fariĝas ĉiutage pli vasta kaj pli postulema; la propaganda laboro kreskas senĉese, la efika kunhelpo de ĉiuj estas nepre necesa!

Unueco donas fortecon! Pripensu tiun devizon nian kaj helpu!

Je l'nomo de la Ligestraro.
La Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

BABILADO

## RADIO JE LA SERVO DE ESPERANTO

De la momento, kiam la plej nova el la sciencaj mirindaĵoj, la T.S.F., akiris sufiĉe da perfekteco por fariĝi tutmonda aŭskultilo, diversaj Esperantistoj — kaj kun feliĉa sento mi kalkulas min inter ili — esprimis la konvinkon, ke sur tiu kampo nia lingvo batalakiros sian finan triumfon. Kaj jam nun, kiam tiu batalo apenaŭ komenciĝis, ni eksentas la ĝustecon de tiu aserto. Ne nur la tutmondaj radio-amantoj kunvenintaj en universaala kongreso okazinta en Parizo (Pasko 1925), spertinte la necesecon de L. I. por la radiofoniaj komunikoj kun internacia intereso, akceptis Esperanton kiel oficiala interkomprenilo por T. S. F. komunikaĵoj, sed diversaj elsendstacioj el aro da landoj donis kursojn, elsendis Esperantajn paroladetojn kaj kantojn, kaj estas sur tiu kampo, ke, dum la nuna januara monato, nia lingvo akiris unu el siaj ĝis nun plej grandaj sukcesoj: «Belga Ligo Esperantista» klopodis por elsendigi kurson de l'stacioj «Radio - Belgique» (Bruselo) kaj «Radio - Zoologie (Antverpeno). La intertraktado kun la koncerna Estraro sukcesis kaj nia bonega amiko Fernand Mathieux prenis sur sin donadon de la franclingva kurso, el Bruselo, dum nia samideano Maur. Jaumotte komencis kurson flandralingve el Antverpeno. La unuaj dissendoj okazis sabaton, la 15an de Januaro je la 21.30 h., kaj daŭris ĉiusabate. Niaj lertaj samideanoj prezentis la aferon en maniero tiel agrabla, interesega, sprita kaj alloga (multegajn gratulojn al ili!) ke, petinte sian geaŭdantaron aĉeti por la 2a leciono la libron «Esperanto en dek lecionoj», ili konstatis, ke la mendado al tiu libro estis tiel ega, ke 1200 ekzempleroj ne jam estis povintaj liveriĝi la sekvantan semajnon al la lernantoj; kaj pro tio ili estis devigataj prokrasti la 2an lecionon ĝis la sekvinta semajno! Plie, Radio - Belgique ricevis gratulleterojn kaj -kartojn pro la tiel oportuna organizo de la kursoj.

Ĉu tio ne montras, karaj gelegantoj, ke «io ŝanĝiĝis» en maniero tute

favora al nia Entrepreno? Nu, ni kuraĝe iru antaŭen, kaj aŭdinte ian T.S.F. homunikaĵon, ni neniam forgesu sendi gratulan aŭ aproban vorteton al la dissenda stacio: tiel, sen granda peno, ni potence kunhelpos por finsukcesigi nian idealon per la uzo de la misteraj Hertz-aj ondoj!

L. COGEN.

———

ANTAŬ LA MIKROFONO

# SPERTOJ DE KOMENCANTA "SPEAKER"

Pro profesiaj devoj, — mi tiam devis intervjui la direktoron de la radio-stacio Zoologie —, mi jam vizitis la parolejon de tiu stacio, kiam oni ĝin konstruis.

Kiam mi ĝin nun eniris, ĝi tute alie aspektis. La plafono estas nun, kaŝita per kremkolora vualo, kiu, en larĝaj faldoj, deiras de la salon-centro, kie ardas lumegiga elektra lampo, je ĝiaj anguloj.

Laŭlonge de la, kun egiptaj desegnoj, ornamitaj muroj, pendas pezaj opalverdaj sakŝtofaj kurtenoj, kies brunaj ŝnurfaritaj franĝoj faligas ilin majeste de l'plafono.

Kun la malhelfunda tapiŝo, kun grandaj okroflavaj floroj, sur la planko, tio formas tuton, kiu tuj atentigas la spiriton.

La unua impreso farita per tiu ŝtofa ĉirkaŭaĵo estas tiu, de iu mister-plena sanktegulejo, de iu sankta halo, en kiu la silento majstre regas, kaj en kiu babilemulo, kiel mi, povas, plej bone, mediti pri la vaneco de la homaj paroloj.

La, kvazaŭ en l'aero, pendanta mikrofono, kies formo estas preskaŭ tiu de hostimontrilo, ankoraŭ plifortigas tiun impreson.

Kiam la okulaj nervoj estis havintaj la necesan tempon por alsendi al la cerbo, tiun supraĵan impreson, mi tamen ankaŭ vidis en angulo de la salono, ebenan kverklignan pupitron; je l'alia flanko ankaŭ, belan pianoforton kaj tute modernan fonografaparaton, kaj precipe ege allogan ŝvelmolan kuŝseĝon, sur kiu, je la vera momento, kiam mi eniris, ripozis la afablamiena «speaker» de la el-sendstacio.

Kiam ili vidis min, la kusenoj de la apogseĝo, kvazaŭ risortoj, sendis per bruska alĵeto, la «speaker» al mi, kaj en malpli, ol sekundo, li staris antaŭ mi, kore min akceptis, helpis min demeti mian surtuton kaj invitis min sidiĝi sur la kusenoj, dum li faros prelegon antaŭ la mikrofono.

Mi do restis sola sur la seĝego kaj havis la tempon por ekzameni, tom detale, la ejon. Nur tiam mi konstatis, ke tiu parolejo estas sufiĉe granda, kvin metrojn larĝa, ok metrojn longa kaj kvar metrojn alta, proksimume.

Sed miaj pripensoj pri metraj kaj aliaj tehnikaj aferoj ne longe daŭris...

Baldaŭ, mia gorĝo, pro emocio, sekiĝis kaj kun teruro, mi antaŭvidis la momenton, kiam tiu «speaker», kiu nun jam multe malpli afabla ŝajnis al mi, anoncis: «Radio Zoologie... ni daŭrigos la programon per parolado pri Esperanto. S-ro Séhède bonvolos preni tiun taskon sur sin».

Mi jam antaŭaŭdis la frazon, kvin minutoj antaŭ ol ĝi estis elparolata. Kiel la frapilo de sonorilego, ĝi batis miajn tempiojn. Miaj okuloj dum malgranda momento malheliĝis. Ĉio turnis ĉirkaŭ mi!

Vi, amikoj, advokatoj, eble, kiuj, kun profesia sperteco, flue kaj arde parolas antaŭ viaj juĝistoj, kaj, kiuj klopodas ekvidi tra la senemocieco de l'vizaĝo, la nervomoveton, kiu sciigos al vi, ke vi venkis; vi, politikistoj, kiuj antaŭ la aregoj, per la movoj kaj bruo en la rangoj, komprenas, ĉu vi konvinkis; vi, artistoj, kiuj per la nazpurigo, la tusado, kaj eĉ per la nerva spirado de viaj aŭskultantoj, informiĝas pri via sukceso, ĉu vi povas imagi al vi, kion signifas, paroli antaŭ mikrofono, ne sciante, ĉu iu vin aŭskultas, sed tamen konsciante, ke la voĉo, kiun vi aŭdas, — la via, — sammomente estas aŭdebla, je centoj da kilometroj; ke ĉiu deflankiĝo ĝia, same notata estos de dekoj, de centoj, de miloj da personoj, kiujn vi ne konas, kaj kiuj vin ankaŭ ne konas; kiuj ne scias, kiu kaj kia vi estas; kiuj nur juĝos vin — kaj la Esperantistaron, kiun vi reprezentas — pere de via voĉo; kiuj al tiu voĉo farigos korpon, tute laŭ ĉies propra imago. Kaj ĉu vi tiam povas ankaŭ imagi al vi la impreson, kiun devas havi la malfeliĉulo, kiu antaŭ la mikrofono sentas sian gorĝon, kiu sekiĝas, sentas do, ke la nura armilo, kiun oni permesis al li kunpreni en lian karceron forlasis lin?

Se vi kapablas, imagu! Kaj vi havos ideon pri la terureco de la batalo, kiun mi liveris kontraŭ mi mem, dum la sekundo, dum kiu miaj okuloj malheliĝis.

Mi, miaflanke, komprenas nun, kiel estas eble, ke oni, post malbona sonĝo, revekiĝus kun grizaj haroj.

:-: :-: :-:

Revekiĝinta el mia terura sonĝaĉeto, mi aŭdis la voĉon de la «speaker», kiu daŭrigis marteli kun profesia senzorgeco kaj enviinda facileco, la silabojn presitajn en la libro, kiun li antaŭlegis.

Mi sentis, ke li vere ne plu sin okupas pri tiu problemo psikologia, ĉu iu lin aŭskultas aŭ ne, kaj kiu lin aŭskultas. Li nur ankoraŭ estas kiel ereto en la granda senfadena radiilaro. Li nunmomente ne pensas, li nur legas.

Ĉu li tiom senemocie kapablus legi, se li estus pripensinta kaj imaginta al si, en sia cerbo, la aron de siaj geaŭskultantoj. Ne, li ne vidas la akrajn okulojn de tiu nigrahara aŭskultantino, nek la revemajn rigardojn de tiu ĉi blondulino.

Sed mi, kiu volas al mi imagi iun aŭdantaron, kiun mi povus alparoli, mi sidas, tie, kiel duondroniĝinta malfeliĉulo. Kaj strange, mi ne ka-

pablas ĝin imagi al mi. Nenia vizaĝo respondas al mia alvoko. Mi nur vidas antaŭ miaj okuloj, la branĉoforman floraron sur la tapiŝo, kaj la floroj ŝajnas al mi iĝi pli kaj pli grandaj.

Estas, kiel en Macbeth, kvazaŭ armeo, kaŝita per tiu branĉaro, marŝus kontraŭ min por min mortigi.

Kaj subite — la armeo moderniĝinte — mi efektive aŭdis kiel la fajfadon de ŝrapnelo, kaj mi ree vekiĝis el mia dua sonĝo.

Mi ege malfermis la okulojn, kaj mi vidis la «speaker», kiu rapide foriris de la mikrofono, por salti sur etan endoman telefonaparaton, kaj aŭdis: «Très bien. Monsieur Séhède est ici, il va commencer».

Malgranda signo per la mano, kaj li invitis min sidiĝi, je iom pli, ol unu metro de la mikrofono, sur bona seĝego.

«Allo! Radio-Z-o-o-logie! S-ro Séhède komencos tuj, serion de dek lecionoj, pri la mondlingvo Esperanto...»

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Ŝajnas, ke estas en la gravaj cirkonstancoj mem, ke la homo trovas necesan forton kaj kuraĝon, por transpasi la malfacilaĵojn de l'vivo.

Nu, ĝojegu, geamikoj, je la vera momento, kiam mi estis tiamaniere devigata, komenci mian paroladon, mi rememoris, ke, je la sama momento, en apuda kafejo, kunvenas miaj bonaj geamikoj de «La Verda Stelo», kiujn mi ĵus forlasis. Mi revidis iliajn gajmienajn vizaĝojn, kiuj kuraĝige alrigardis min, kaj, «ilin» alparolante, mi komencis: Mevrouwen, Mijne Heeren...

MAUR. SEHEDE.

---

EL LA FLANDRA LITERATURO

## LA LEGENDO DE SANKTA DIMFNO.

Pasintan jaron okazis en GHEEL, «la paradizo de la frenezuloj», grandaj festoj je la okazo de la 1325-jara datreveno de la martireca morto de Sankta Dimfno, kies adorado dum jarcentoj kaŭzis la grandan floradon de la flandra urbeto, same kiel la estiĝon de la famkonata frenezulkolonio.

Ni havas la plezuron konigi al niaj legantoj kelkajn paĝojn el verketo, kiun dediĉis al la vivo de la sanktulino, D-ro Juul GRIETENS, skabeno de publika instruado de la antverpena antaŭurbo Borgerhout kaj flandra literaturisto (Meerhout 1884).

Sankta Dimfno, filino de la pagana reĝo Bror de Irlando naskiĝis je la fino de la sesa jarcento. Ŝia patrino sekrete estis kristanigita de katolika pastro Gerebernus, kiu ankaŭ baptis kaj religi-instruis Dimfno-n.

Kiam la ega bela reĝino estis mortinta, la reĝo nenie en la lando kapablis trovi virinon, kiu povis egali ŝin. Lia kortegano Donko tiam konsilis al li edziĝi lian filinon, kiu estis la vera egalbildo de sia patrino kaj la reĝo tion intencis.

Ege timigita Dimfno per helpo de Gerebernus kaj de la harpisto

Bardo kaj lia edzino dum la nokto forkuris kaj per ŝipeto transverturis la maron.

* * *

## SUR LA MARO.

Estis nokto tiel lunluma kiel nur malmultaj ekzistas en tiuj maroj ĉirkaŭe. Unu el tiuj noktoj, kiam ĉielo kaj tero vere sin tuŝas, kaj kiuj tren-ŝvebigas spiron de eterno tra l'universo...

La ŝipeto en kiu ili sidis kvinope eĉ ne estis tridek piedojn longa kaj ne dekdu larĝa, sed ĝi glitis sur la kvieta marspegulo, pli facile ol giganta galero per laboro de mil sklavobrakoj...

Ĉirkaŭ, sub la pura ĉielo, ĉie etendiĝadis la maro, surŝprucita de folietoj kaj floroj kaj skvametoj de arĝento, or-arĝento kaj oro; tre malproksime vi vidis kvazaŭ nebuloj,kiuj kelkfoje vere aspektis kiel palaj anĝeloj kun elpendantaj flugiloj, kaj kun malprecizaj brakoj en travideblaj manikoj, kiuj malrapide supren- malsupreniĝis kvazaŭ ili ĉerpas la arĝenton de la marsuprajo per grandaj arĝentaj kuleroj. Sur ligna seĝeto, en la feinonokto, Dimfno, la pura, sidis meze de l'boato kaj rigardadis en la ĉielon. Ĉar post momento de help-preĝo al Dio, por ke malbonaj okuloj ne rimarku ilin en tiu luma lunonokto, Gerebernus, kiu

DIRK BAKSTEEN



OP DE ZEE

multe vojaĝis kaj multe vidis landon kaj maron, malrapide estis malfermanta la okulojn de siaj kunveturantoj al ĝojiga beleco de l'rava nokto.
Li sin apogis sur la boatrandon kaj de temp'al tempo li montris stelon kaj diris ĝian nomon kaj briltempon.

— « La Tri-reĝoj, rigardu, mi neniam vidis ilin tiel hele kiel tiun ĉi nokton! » tiel li entuziasme kriis kun brileto en la okuloj: « estas kvazaŭ ili mem,la vaguloj tra malproksimaj regionoj,volas antaŭlumi nian marvojon al nia propra Bethlehemo! »
Kaj foje lia malgrasa fingro montris en la malproksimo landpecon. lumetantan grizblanke ĉe la horizonto, kaj li diris ĝian nomon kaj vorton pri ĝia formo kaj ĝiaj homoj. Ĉar kiam li portis ankoraŭ la glavon, li ĉiujn vizitis dum milito kaj paco, kaj tial li ne nur konis la eksteraĵojn sed ankaŭ la homojn laŭ ilia vizaĝkoloro kaj internaj sopiradoj.
Ĉe la gvidilo sidis la ŝipisto kaj tiu nur estis dirinta unu vorton: «neniam mi veturis kiel nun!» Estis vere. Ĉar la vento estis dolĉa sed tamen ĝi forte antaŭenpuŝis la boaton. Kiel oleo benelektita ĝi ŝvebtuŝis la vizaĝojn de l'vojaĝantoj, sed la velojn ĝi plumbopeze puŝis, kaj sagrapide la ŝipeto glitis en orienta direkto. Tiu vento estis miraklovento.
Tra la sankta silento de l'nokto, ili jam longe veturis, kaj ĉiu danĝero el la okcidento estis nun foriĝinta. Bardo pripensis, ke Bror nun jam estus sidanta kun Donko antaŭ la altaj vinglasoj en la halo, kie pasintan nokton li ankoraŭ ludis por la voluptemulo, laŭ volo de Gerebernus.

Nun, tremetante pro sankta tikligo, kiu nerve ekmovetigis liajn fingrojn, li starigis la harpon, sian animfratinon, kaj malrapide ekbruetis dolĉaj notoj, kiuj ekfrapetis kiel perloj kaj estis formortintaj malproksimen, sur l'arĝenta akva sulkiĝado kun la dronantaj skvametoj...

Bardo, lia edzino, neniam aŭdis ludi lin tiamaniere kaj ĉi tio ege tuŝis ŝian animon. Kaj laŭ malnovaj arioj de Erino, ŝi kantis emociantajn vortojn, dum la fingroj de Bardo dancis sur la harpo:

» Erino, sankta, malnova tero,
kiel verde ondas via grundo...
kiel bonodoras via trifolio,
kiel purpuriĝas via erikejo...
Mian saluton al malnova tero,
kiun ne plu vidos mia okulo,
ne plu surmarŝos mia piedo.
Mian saluton al malnova, sankta tero... »

Ili ĉiuj mallaŭte ploris, ĉiu por si mem, pensante al Erino. Kaj tiam subite, tamen dolĉ-komenciĝante, ŝajnis ke malantaŭ la ŝipo, je distanco, alsonis al ili delikataj violontonoj, portataj sur plumoj de l'venteto, kiu veturigis la ŝipeton. Kaj eteraj voĉoj ekaŭdigis alt-puran horon, kiu forondas al horizonto kaj samtempe supren ŝvelis, plenigante la tutan aervastecon ĉirkaŭ la tero aŭskultanta... Kiam ili rigardis malantaŭen, kie okazis la mirindaĵo, ili tie rimarkis grupojn de vagantaj spiri-

taj formoj, kies manoj ludis sur ege maloftaj muzikiloj, kaj kies puraj buŝoj kantis tiun ĉielan kanton tra l'areo...

Tiuj estis iliaj anĝeloj, kiuj gardesekvis ilin, ŝvebantaj super la maro kaj ludantaj sur siaj nevideblaj instrumentoj por kortuŝa temppasigo de tiuj di-vojaĝantoj...

Kaj malsupre en la ŝipo, fandiĝis je sopirego al Kristo, la pura virgulineto Dimfno, kiu falis de l'ora trono sur sian lignan seĝeton, sed ricevis en l'animon la harmonion de l'universo, kaj nun estis komprenanta la spiriton de l'materio kaj la kanton de la spiritoj...

* * *

## EN LA ERIKEJO.

Sur sabla monteto, Dimfno nun sidis kviete kiel kolombo, sole ĉe la dometo. Kiam ili estis forlasintaj la ŝipon,ili ankoraŭ malproksimen eniris la landon,ĝis ili trovis ĉi tiun malnovan ŝafistdometon sur la montetkapo, kaŝitan sub la sonĝantaj abioj. Sub la sablaĵdorso, la montetflankoj deklive malsupreniĝis al la valo.

Ankaŭ tie ĉi la regiono estis trankvila kaj pura kiel Erino mem. Tie ĉi ankaŭ kreskis la bela eriko, kaj la roza ebenaĵo etendiĝis ĉiuflanken ĉe la horizonto, limigita de arbaroj. Tie ĉi ĝi kuŝis sur la montetoj kaj la valoj kiel purpura kanto same kiel en Irlando. Kaj tie ĉi la abeloj ĉirkaŭzumadis kiel tie, kaj la alaŭdo elpeligis kantojn, kaj la papilioj dancis tra aervojoj, kiujn ili same konis, same kiel la abeloj de Erino.

La bukedo de blankaj erikoj el sia lando ŝi portis tra longaj vojoj, kiom ajn ŝi laciĝis pro la promenado dum tagoj. Kaj kiam ŝi ekloĝis tie ĉi, ŝi metis ĝin en la grundon, meze de la aliaj ĉi tieaj purpuraj floroj, kaj ŝprucigis ĝin per akvo el malgranda puto apud la dometo, same kiel ŝi kutimis fari kun la floroj en la ĝardenaro de sia patrino.

Tio estis ĉio kion ŝi, krom si mem kaj Gerebernus, kunportis el Irlando, kaj en tiuj blankaj flortufoj rebrilis sia animo...

Kvankam ili kvarope havis ĉi tie nur tri malgrandajn ĉambrojn kun argilaj muretoj, tamen estis pli bone ol en la volupta palaco de sia patro.

Kaj salte ŝi ekstaris, sentanta junecon en siaj junaj membroj. Ĉar virgeco donas ĝojon, ankaŭ por la korpo.

Ŝi malantaŭenskuis la malhelajn harojn, kaj rigardis en la direkto de l'akvujo... Kiel ŝi nun tie staris kaj malrapide promenigis sian rigardon. ĉirkaŭe, ŝi estis vere la filino el longa generacio de reĝoj...

Kiam ili venis ĉi tie, la Neto kuŝis inter siaj bordoj, sed nun, post pluvotempo, ĝi ankoraŭ estis ekstera, kaj ĝi estis brilanta kiel lago ĝis la sablaj montetoj. Ŝi malsuprenpaŝis malrapide tra la mola sablo, demetis la piedvestojn, kaj iris en la akvon...

Akvo, en kiun rigardis la suno, la forta suno de Dio. En la printempe kiu supre jam ventetis, ŝia elasta piedo sentis sub si la fruan molecon de la herbejo, ĉar estis nun Majo. Ĉie Majo. La aero estis oleu-

mita. Foje florodoro treniĝis ĉirkaŭ vi. kaj girlandoj de birdkantoj pendis de aıb' al arbo, kaj kun paro da ili, la alaŭdo alteniris ĝis en la nuboj kaj tiam lasis ilin interplektiĝi ĝis la tero, sur la herbo...

Kaj petolema kiel infano, ŝi frape suprenigis la akvon kontraŭ sia tibikarno. Kaj kiam ŝi nur klinetis, tiu spegulforta akvo, kuŝanta sur verda fundo, redonis ŝian bildon, mirbele. Sed ŝi ne vidis sin mem...

Poste ŝi ree iris sur la dunon, malrapide, kaj sentis nun la tikladon de la ŝtoneta sablo ĉe siaj molaj piedoj...

Iom pli malfrue ŝi venis denove sur la dunon. Io stranga ŝajnis esti okazinta: ŝi ne plu vidis siajn blankajn Irlandajn florojn, kaj tie, antaŭ si, ili tamen staris laŭ ilia malnova formo kiel ĉiuj erikoj de la ĉirkaŭanta regiono...


DIRK BAKSTEEN



DE HUT TE ZAMMEL

Ŝi pensadis...

Ĝis Gerebernus, ŝia spirita patro alvenis ĉe la kabano. Ŝi malĝoje kriis al li: — «Patro, la blanka eriko, kiun mi kunportis el Erino ekruĝiĝis, dum mi banis en la akvo, tie malsupre».

Gerebernus meditis grave. La ruĝeto pro liaj predikoj de tuta tago ankoraŭ kuŝis sur lia malgrasa vizaĝo.

«Mia infano, li tiam diris, «Tiel venos la horo... Signo estas signo. Tra ruĝa batalo ni devos iri al blanka eterneco!»

* * *

La profetaj vortoj de Gereberrus baldaŭ estus faktigitaj. La reĝo Bror, ege kolerigita pro la forkuro de Dimfno serĉis ŝin ĉie. Tiel li venis kun siaj soldatoj en Antverpeno kaj de tie traserĉis la tutan landon. Fine li trovis Dimfnon kaj Gerebernus en la Sankta Martinkapelo en Gheel. Li mortigigis la maljunan pastron kaj li mem senkapigis sian filinon..

Multaj sanigoj okazis ĉe la tombo de la martira virgulino kaj konfirmis ŝian famon de sankteco. Estis precipe frenezuloj malfeliĉaj,kiuj venis preĝi ĉe ŝia tombo. Ili venis kelkfoje de tiel malproksime, ke ili estis devigataj loĝi en Gheel en starigita domo kaj poste ankaŭ ĉe la loĝantaro, kiu tiel jam de tre frue alkutimiĝis al kontakto kun la frenezuloj. Instituto duone religia, duone komunume, kontrolis la zorgdonadon al la flegitoj, jam de la 17a jarcento.

En 1852 la kolonio reorganizita iĝis ŝtata institucio kaj de tiam akiris mondan famon. Pasintan jaron proksimume 3000 pacientoj estis flegitaj en Gheel, la plej granda nombro ĝis tiam akirita.

Tradukis el flandra lingvo:
(1926.) Hector VERMUYTEN.

---

EL FREMDAJ LITERATUROJ

TRIA ĈAPITRO EL LA APERONTA

# POEMO DE AMO KAJ DOLORO

**(Verkita laŭ la metriko de la provencala poemo «Mireio» de Mistral.**

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Plena de lum' la tago estis.
En ŝia urbo oni festis
la ĉiujaran feston en komenc' de somer'.
Ĉion ornamis de la floroj
l' akraj parfumoj kaj koloroj,
radiis ĝojon ĉiuj koroj,
kaj ŝajnis ke feliĉo regadas sur la ter'.

---

Al la feliĉ' de tiu horo
ankaŭ sin donis MIA FLORO,
ĉar mi renkontis ŝin en iu danca rond'.
Estis dancado de sardanoj,
kie, prenitaj per la manoj,
viroj, virinoj kaj infanoj
dancadas kun gracio en granda ritma ond'.

---

La kataluna danc-sardano
estas de ritmo filigrano:
en ĝi ritmas la paŝo, la brakoj kaj la kor'.

La rondo estas milda ĉeno,
kie kun ama Dia beno
ĉiuj dancadas, en manpreno,
dum de l' ĝoja muziko vibradas la sonor'.

---

Al la dancanta milda ĉeno
ekiris mi por partopreno:
apud ŝin mi eniris kun radia vizag'.
Estis en ŝi surpriz-ektremo,
kunigis nin dolĉa manpremo,
sed por repren' de nia temo
en mia kor' timema ne plu estis kuraĝ'.

---

En la dolĉega dancofluo
mi sentis ja tiom da ĝuo
per ŝia mola mano ĉe mi sentante ŝin,
ke mia buŝ' nenion diris,
miaj okuloj ŝin admiris,
ke mia kor' vole deziris
ke de tia dancado ne alvenu la fin'.

---

Fine mi rompis la silenton
kaj mi rakontis mian senton:
tuj en ŝiaj okuloj por mi brilis l' esper'.
Kun milda flustro de sekreto
aŭdiĝis mia ama peto
kaj ŝi respondis kun rideto:
— Vi povas preni florojn, nun jam estas somer'!

---

La kataluna danc-sardano
estas de ritmo filigrano:
en ĝi ritmas la paŝo, la brakoj kaj la kor'.
La rondo estas milda ĉeno,
kie kun ama Dia beno
ĉiuj dancadas, en manpreno,
dum de l' ĝoja muziko vibradas la sonor'.

---

Finiĝis danc', sed, en la koro,
vibris alia belsonoro:
muziko de l' paroloj de mia karulin'.
Ŝiaj paroloj de pasio
estis plej bela melodio,
kaj la mirinda harmonio
de ŝia ama voĉo por ĉiam ravis min!...

JAUME GRAU CASAS.

EN ALTAJ RONDOJ

# LA FRATO DE PRINCINO ASTRID KAJ ESPERANTO

Princo Karlo de Svedujo, la frato de princino Astrid, estas fervora esperantisto. «Belga Ligo Esperantista», kiu estis adresinta al li bondeziran leteron okaze de lia Esperanto-ekzameno, ricevis la sekvantan respondon EN ESPERANTO:

Stockholm, la 4 decembro 1926.

Sinjoro prezidanto,

Akceptu mian koran dankon kaj tiun de miaj gepatroj pro via afableco gratuli min al mia ekzameno. Mia Rektoro diris, ke mi plene sukcesis, eĉ kun honoreto, sed mi ja scias, ke multe restas por mi por lerni. Nun mi ja devas labori en la aliaj lingvoj, kiuj estas tiel malfacilaj, ke ili prenas mian tutan tempon. Tamen mi gardos mian intereson pri Esperanto kaj deziras al ĝi baldaŭan venkon. Bonvolu transdoni al la belgaj esperantistoj miajn bondezirojn!

Kore mi ĝojis pro viaj belaj vortoj pri mia kara fratino, tiel amplene ricevita de vi en sia nova hejmlando.

Kun estimo

KARLO.

---

AL MONS!

# LA XVI. NACIA KONGRESO

MONS 4-5-6 JUNIO 1927 (PENTEKOSTO).

Ni havas la plezuron informi nian Samideanaron, ke nia proksima nacia kongreso okazos en Mons (ĉefurbo de provinco Hainaut) la 4-5-6 de junio venonta (Pentekosto).

Kvankam ne ekzistas esperantista grupo en Mons, ni sukcesis tie trovi personon, kiu bonvolis helpi nin, prenante sur sin preskaŭ la tutan organizadon de la kongreso. Estas S-ro Gustave Casy, Sekretario de la Arheologia Societo de Mons: tre agema persono, kiu plej efike helpas nin kvankam li ne estas jam Esperantisto, sed li ĵus eklernas nian lingvon.

Dank'al li, ni havas jam la respondon de la urbestraro, ke ĝi akceptos oficiale la kongresanojn en la urbdomo kaj la kongresprogramo estas jam preskaŭ tute preta!

Bela ekskurso okazos lundon al Beloeil, kie la kongresanoj vizitos la parkon kaj la kastelon de la Princo de Ligne, la plej belaj el la lando!

La elekto de Mons, kiel kongresurbo havas specialan signifon. Ĝis nun ni ne sukcesis sufiĉe disvastigi nian aferon en tiu regiono, kvankam ekzistas tie kelkaj malnovaj Samideanoj; ni do devas profiti la kongreson por fari bonan propagandon kaj nepre starigi grupon en Mons.

Por fari efikan propagandon, la kongresanoj devas esti multnombraj. Ni do faras varman alvokon al ĉiuj Samideanoj por ke ili iru al Mons disjeti la bonan semon. Al la grupestroj ni turnas nin speciale por peti ke, de nun ili faru sisteman propagandon por la kongreso. Ni scias, ke tiucele, kelkaj grupoj jam aranĝis ŝparkason inter siaj grupanoj. Ni varme konsilas al ĉiuj grupoj imiti tiun bonan ideon kiu estas tre taŭga instigilo por ĉeesti la kongreson.

Je sia flanko, la Ligestraro nenion preterlasos por igi la kongreson plej interesa. Je tiu celo estus al ni tre agrable, ke oni faru al ni proponojn kaj deziresprimojn pri la organizado kaj pri la tagordo de la kongreso. Ke ĉiu kunhelpu al nia komuna afero sincere kaj bonvoleme kaj ĝi sukcesos!

Por ĉiuj informoj pri la kongreso: aliĝoj, loĝado, ekskurso ktp. oni sin turnu ekskluzive al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo S-ro Henri Petiau, St-Lievenslaan, 60, Boulevard St-Lievin, Gento, kiu volonte donas ĉiujn necesajn informojn.

ĈIUJ do al Mons por nova batalo!

---

LA MOVADO EN NIA LANDO

# BELGA KRONIKO

Por eviti perdon de tempo, la grupoj estas ĝentile petataj sendi ekskluzive al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo, S-ro Henri Petiau, St-Lievenslaan, 60, Boulevard St-Lievin, Gento, siajn notojn pri la grupa agado. Ni insistas por ke ĉiuj grupoj sendu regule, **antaŭ la 15a de ĉiu** monato, raporteton pri la grupaj okazintaĵoj. Tio estas nepre necesa por la statistiko de nia nacia movado kaj ni afable petas la grupestrojn, ke ili zorgu pri la plenumo de tiu grava servo. Oni faru tre koncizajn notojn.

ANTVERPENO. — La «Antverpena Komitato por internacia Komerca Lingvo» malfermis novan kurson la 27an de Januaro 1927a. — S-ro Victor Gossiaux faris la inaŭguran paroladeton pri la utileco de Esperanto por aferistoj kaj prezentis la profesoron, S-ron Morris De Ketelaere, kiu tuj komencis la instruadon de dudeko da novaj lernantoj.

BRUĜO. — La kurso plej kontentige daŭras dank'al la bona gvidado de ĝia profesoro S-ro Dervaux.

La grupo elektis kiel Ligajn delegitojn S-inon Algrain kaj S-ron Poupeye, du tre sindonemaj kaj kompetentaj gesamideanoj. Koran bonvenon al ili en nia Liga Komitato.

BRUSELO. — La komitato de «Brusela Grupo Esperantista« aranĝis jene siajn ĉiulundajn kunvenojn en «Foyer Intellectuel».

1an. lundon: Ĝenerala kunveno, diskutado pri la movado, grupo, ktp.
2an. lundon: perfektiga vespero.

3an. lundon: parolado preparita: tiu kunveno estos anoncita cirkulere.

4an. lundon: amuza vespero: kantoj, ludoj, ktp.

La 21an de februaro okazos parolado de S-ro Everaerts pri «bankoj».

La diligenta prezidanto, Dro P. Kempeneers, faris, la 19an de decembro, elokventan paroladon (franclingve) en «Palais Mondial» antaŭ pli ol 50 geaŭdantoj.

Li parolis pri la deveno de Esperanto, ĝia vivo kaj progreso en la mondo, kaj ankaŭ pri la interna ideo.

Iiu parolado estis vere sukceso: multaj el la ĉeestantoj petis informojn kaj libretojn.

Post la parolado oni inaŭguris la esperantan fakan ekspozicion kiu estas restarigita dank'al la klopodoj de S-roj Mathieux kaj Huysmans.

La 20an de decembro la grupo ricevis la viziton de usona Samideano S-ro Kenngott el Milwaukee.

SANKTA NIKOLAO. — «Al Triumfo», Jaŭdo, 23an de decembro, S-ro Hendricx Victor el Ukkel, faris, en la salonego de «Gilden huis» paroladon pri la «Blindula movado».

Antaŭ 150 personoj li parolis pri la diversaj okupoj, la instituto, la materialo, la gazetaro inter la blinduloj. Li ankaŭ ne forgesis pritrakti en la fina parto de la parolado, la internacian movadon rilate al la blindula movado, kvankam li estis invitita de «K. V. H. U.» (Katholieke Vlaamsche Hoogeschool Uitbreiding).

Inter la lumbildoj,kiujn li vidigis al la publiko,troviĝis kelkaj broŝuroj kaj revuoj ekskluzive en Esperanto. Ni kore dankas nian pioniron pro sia oferdono kaj parolado, kiu certe plian paŝon farigos al la diskoniĝo de la Zamenhofa lingvo en tiu loko.

## BELGA GAZETARO STATISTIKO

En Januaro ni ricevis 29 notojn pri Esperanto el 17 gazetoj de 5 lokoj, 14 en franca lingvo kaj 15 en flandra lingvo.

La precipaj temoj pritraktitaj estis la jubileaj festoj de la Antverpena grupo «La Verda Stelo» kaj la organizo de la du per-radiaj kursoj de Esperanto. La granda stenografia revuo «Revue Sténographique Belge» anoncas, ke estonte ĝi enhavos paĝon tute verkitan en Esperanto.

Ni ree petas, ke niaj belgaj samideanoj sendu al ni ĉiujn eltranĉaĵojn pri Esperanto. Ĉu vere nia insista peto estas tiel malfacile plenumebla?

## EL NIA RONDO

### MERITITA RIPOZO.

S-ro Adolf FINET, Direktoro de la Normala Lernejo por Instruistoj en Antverpeno, atingis la profesian aĝolimon kaj forlasas sian funkcion

en la instruado,al kiu li faris multnombrajn servojn dum sia longa kariero, kiu komenciĝis en la jaro 1889. Al nia bonega malnova samideano ni deziras serenan kaj meritltan ripozadon.

GRATULOJ.

S-ro Raymond ELBO, membro de la grupo «Al Triumfo» en St-Nikolao, edziĝis kun F-ino Germaine BLIJWEERT.

NEKROLOGO.

S-ro J. B. GEERINCK, patro de S-roj R. Geerinck el St-Nikolao, kaj Jules Geerinck, el Antverpeno, mortis la 7an de Januaro 1927. Al niaj du amikoj ni prezentas nian plej sinceran kondolencon.

NIA JARA MONDFESTO

# XIX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## III. INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO.

**Libera urbo DANZIG, 28 Julio — 4 Aŭgusto 1927.**

En la somero 1927 la esperanta mondo festos ne nur sian ĉiujaran kongreson en la libera urbo kaj ŝtato Danzig, sed estos pasintaj 40 jaroj de post la publika apero de nia kara lingvo. La Loka komitato insistas pri multnombra partopreno, precipe pro tiu fakto ke estos ja JUBILEA KONGRESO.

Je tiu okazo estos organizata speciala karavano al Varsovio, kie la esperantistaro starigis monumenton al la kreinto de Esperanto: Dr L. L. ZAMENHOF.

El la unua oficiala informilo ni ĉerpas jenajn informojn:

PATRONO DE LA KONGRESO : D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de la Senato.

LOKA KONGRESA KOMITATO : Hon. prez.: S-ino Anna Tuschinski, Prez.: B. Aeltermann, Vicprez.: K. Majorkiewicz, Financoj: K. Sachsze, Sekretarioj: F-inoj K. Marquardt kaj Schulz, Gazetaro: E. Fethke kaj E. Grabowski.

KOTIZO: 25 svisajn frankojn.

ALVOJAĜO: Trans Stettin-Stolp aŭ Schneidemühl-Dirschau, aŭ Königsberg-Marienburg-Dirschau estas necesa eksterlanda pasporto kun pola transitvizo. — Pola vizo ne estas bezonata: 1. per ŝipo de Swinemünde, Pilau, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig; 2. per fermita koridor-vagonaro de Berlino al Marienburg, de tie per malgrandfervojo, aŭto aŭ aeroplano al Danzig; 3. per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg.

Danziga vizo ne estas necesa.

ALIĜO: estas eldonita oficiala aliĝilo. Ĝin petu de: 19-a KONGRESO DE ESPERANTO, DANZIG, LIBERA URBO.

HELPKONGRESANO: kiu ne povas ĉeesti, aliĝu kiel helpkongresano, pagante la kotizon. Li ricevos la insignon kaj ĉiujn dokumentojn.

DONACOJ : la L. K. K. petas monsubtenon al ĉiuj samideanoj, por plibonigo de la jubilea manifestacio.

OFICIALA ORGANO: «Esperanto», Genève.

FAKAJ KUNVENOJ: kiu intencas kunvoki fak-kunvenon, informu kiel eble plej frue la L. K. K.

AFIŜOJ: Estas dissendataj. Kiu povas videble elmeti afiŝon sendu sian adreson por senpaga ricevo de la afiŝo.

KONGRESA SERVO DE UEA. : por faciligi la partoprenon de la kongreso al kiom eble plej multe da personoj, UEA. starigis servon de kombinita biletaro, kiu entenas ĉion: kongreskotizo, arangôj, ekskurso al Zoppot, sestaga restado kun manĝo ktp., kiel Turistaj biletoj eldonitaj okaze de la XVIIa kongreso en Ĝenevo. La biletoj jam nun povas esti mendataj: A(unuaranga): Sv.Fr. 200.—, B(duaranga): Sv. Fr. 160.—, C. (simpla): Sv.Fr. 125.— ĉe Universala Esperanto-Asocio, 12, Bl. du Théâtre, Genève (Svislando).

KARAVANOJ: UEA. preparas kelkajn karavanojn sub gvido de sperta samideano. Estas intencataj la jenaj karavanoj:

De Svislando: Eliro: Basel. Vojo: Frankfurt-Berlin.

De Belglando: Eliro: Antverpeno. Vojo: Bruselo, Liége, Köln a. Rh. — Hannover, Berlino.

De Franclando: Eliro: Parizo. Vojo: Metz, Frankfurt, Berlin. Eble ankaŭ Paris, Bruselo, Köln a. Rh.

De Balkano: Koncentrigo: Wien. Vojo: Wien, Praha, Berlino.

Speciala vagonaro Berlino-Danzig.

HOTELOJ: Pro la malgranda nombro de hoteloj en Danzig estas konsilinde mendi jam nun la kombinitan biletaron de UEA.

TRA LA MONDO

# NIA PROGRESADO

TUTMONDA ESPERANTA DENOMBRADO. — Okaze de l'40-jara datreveno de la apero de Esperanto denombrado de la esperantistoj de la tuta mondo estos organizata sub la direkto de la Estro de l'Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig (Adreso: Esperanto, Leipzig W. 31)). La esperantistoj en la tuta mondo, kaj antaŭ ĉio tiuj kiuj ne estas membro de iu organizacio esperantista, estas petataj, anonci siajn nomojn, adreson, ktp. — IES.

LA SCIENCO KAJ ESPERANTO. — En Ekstrem-Oriento la scienculoj pli kaj pli uzas Esperanton. La observatorio de l'monto Taten,

proksime de Tokio, ĵus publikigis en tiu ĉi lingvo sian ampleksan aerologian raporton por la jaro 1926.

De post la lasta jaro japanaj medicinistoj aperigas sciencan ĵurnalon en Esperanto kaj japana lingvo «Psikiatrio» pri la problemoj de psikologio kaj neŭrologio, sub la direkto de D-ro Junko Sibata de l'hospitalo Imura-Bioin de Hatagaya, proksime de Tokio. — I.E.S.

LE PLEJ GRANDA HISPANA LEKSIKONO KAJ ESPERANTO. — La ekzemplo de la granda hispana leksikono «Espasa» estas signifa. En tiu ĉi monumenta verkaĵo ĉiuj vortoj de l'nomenklaturo estas akompanitaj de traduko en pluraj lingvoj KAJ EN ESPERANTO. — IES.

LA ORIGINALA LITERATURO EN ESPERANTO. — Esperanto posedas jam konsiderindan nombron da original - verkaĵoj de aŭtoroj de diversaj nacioj. Ĵus aperis nova bukedo da originalaj poemoj de l'hungara poeto Julio Baghy. — IES.

LA TEKNIKA GAZETARO KAJ ESPERANTO. — La ĵurnalo de l'svedaj fervojistoj «Signalen» publikigas regule rubrikon en Esperanto.

La neŭtrala scienca organo stenografia «Deutsches Kurzschrift» (Germana Stenografio), kiu aperas en Essen, enhavas en ĉiu numero resumon en Esperanto, por apliki la rekomendon de la internacia kongreso de l'teknika gazetaro, kiu konsilis al ĉiuj special-revuoj tiel faciligi sian disvastiĝon en la eksterlando. — IES.

ESPERANTO EN LA POŜTA SERVO. — Ni jam menciis la uzon de Esperanto en la servo de l'rusa poŝto.Lastatempe la sovjeta poŝtadministracio eldonis respond-kartojn kun teksto en rusa linvo KAJ EN ESPERANTO. — IES.

ESPERANTO PER RADIO. — Esperanto troviĝas preskaŭ ĉie en la radio-programo.

La stacio de Stuttgart, kies disaŭdigoj estas ricevataj en Virtembergo, Elzaso kaj en parto de germanlingva Svislando enmetis en sian programon dekon da paroladoj pri la problemo de l'helplingvo,rilate al la patrolando, la telegrafio senfadena, la aerveturado, la lernejo, la komerco, la scienco, la diplomatio, la sociala politiko kaj la oficistoj.

La lasta esperanto-kurso disaŭdigita de la stacio de Minneapolis (U. S. A.) montris, ke la intereso por Esperanto pligrandiĝas en Ameriko. Pli ol 1200 aŭskultantoj mendis gramatikon de tiu ĉi lingvo. — IES.

ESPERANTO ĈE LA BLINDULOJ. — Esperanto estas instruata en preskaŭ ĉiuj blindul-lernejo de la mondo, ĉar la presaĵoj en reliefa Braille-skribo estas tre multekostaj kaj ilia nombro tre limigita en ĉiu lingvo. En Esperanto la blinduloj de ĉiuj landoj havas sufiĉe konsiderindan komunan literaturon kaj tre disvastigitan internacian revuon. La unua radio-ĵurnalo por blinduloj en Esperanto ĵus estas lanĉita de la granda eldonejo franca Chiron en Parizo. — IES.

ESPERANTO FACILA

# LA INTERROMPITA KANTO

Avo, ĉiam vigla malgraŭ siaj sepdekvin jaroj, tre ŝatas rakonti la anekdotojn en kiuj, dum sia juneco, li estis implikita, ĉu kiel aktoro, ĉu kiel ĉeestanto.

Okazis do ke, iun vesperon, li forlasis la urbon kun amiko — muzikisto, kiel li mem — por fari, en la kamparo, malgrandan promenadon. La aero estis dolĉa, kaj somera venteto alportis la bonodorajn sopirojn de rozoj kaj heliotropoj. La luno kviete lumis en sennuba ĉielo kiel dolĉa noktolampo timanta lacigi dormemajn okulojn.

La gejunuloj tiom pli ĝuis la kvieton kaj silenton de tiu somera nokto ke ili violonĉelludadis en la orkestro dum la tuta postagmezo.

Ili jam preterpasis la «Verda Angulo»'n kaj atingis baldaŭ domon izole starantan sur flanka vojo. El malfermita fenestro vira basa voĉo, kun akompanado de pianoforto, energie kantis arion de la unua akto de «Faust», la bone konata opero de Gounod.

La du vagantaj muzikistoj haltis kaj aŭskultis. Sed kiam aŭdiĝis la alvoko de Faust al Mefistofelo : «Venu al mi, Satano! Venu al mi!» mia avo ne povis reteni diablan penson fulmorapide trairantan lian cerbon. Ambaŭ manojn li metis funelforme ĉe la buŝo kaj per tondra voĉo respondis: «Jen estas mi!»

Kanto kaj pianosonoj subite silentis kaj nenia bruo aŭdiĝis plu!

La du ŝerculoj rapidis for, por ke ilia ĝojo povu libere eksplodi.

Jaroj pasis de post tiu aventureto kiam avo, iun tagon post koncerto, renkontiĝis en kafejo kun amikoj kaj artistoj kun kiuj li jus konatiĝis. Post ĝenerala interparolado, avo apartiĝis kun unu el la kantistoj. Hazarde la koncersacio temis pri Faust.

— Okaze de tio, diris la kantisto, mi antaŭ kelkaj jaroj neforgeseblan aventuron travivis. Imagu la jenon al vi.

— En domo izola meze de l'kamparo, sinjorino kaj mi ripetis la unuan akton de Faust. Mi aldonos, ke la fenestro de la muzikĉambro estis larĝe malfermita. Mi ekkantis la arion: «Venu al mi, Satano! Venu al mi!» Subite voĉo tia, kian devas posedi la reĝo de l'malhela imperio, respondis: «Jen estas mi!»

La diablo mem, aperanta antaŭ ni, ne estus nin pli timiginta. Mia akompanantino duonsvenis dum mi, blanka kiel mortotuko, sur seĝon falis! Mi povas vin certigi, ke tiun vesperon ni ne plus kuraĝis muziki. Se iam sub mian manon falos tiu ŝerculo, li pasigos malbonan kvaronhoron!

— Vere, diris avo, etendu do la manon. Antaŭ vi sidas la kulpulo.

— Kio, diris la kantisto, estas vi! Estas!... Sed... vi meritas la inferon!...

Bonkora kaj ambaŭflanka ridado skuetis kulpulon kaj viktimon, inde finante tiun malgrandan aventuron!

LUCETTE FAES-JANSSENS.

---

# HUMORO

## LA REĜO LUDOVIKO.

Grafo de Grammont estis unu el la plej subtilaj inteligentuloj ĉe la kortego de Ludoviko la XIVa. La tiutempa historio estas plena je spritaj diroj al li aljuĝitaj.

Ian tagon, Ludoviko la XiVa ludis je la triktako kaj unu el liaj ludvicoj estis duba. Oni diskutis; la korteganoj pri timo malplaĉi al la reĝo, silentis.

Jen alvenas grafo de Grammont.

— Grammont, diris la reĝo, prijuĝu nin.

— Reĝa Moŝto, vi perdis, respondis senhezite la grafo.

— Kiel vi povas juĝi tiel? Vi ne eĉ scias pri la detaloj!

— Reĝa Moŝto, vi pripensu: se la afero estus estinta nur iomete duba, ĉiuj tiuj sinjoroj estus deklarintaj vin venkinto!

Ludoviko la XIVa ŝatis la laŭdon sed multe pli la justecon kaj la spritecon. Li bonkore ridis kaj pagis.

El la «Flandre Libérale» tradukis: L. COGEN.

:-: :-: :-:

## BONA TIALO:

— Malbonulo, kial vi ne diris la tutan veron?

— Mi supozis ke nuntempe oni devas ŝpari eĉ siajn parolojn!

---

# KELKAJ ŜIRKALENDARAJ PROVERBOJ

Ian tagon, Ludoviko la XIXa ludis je la triktako kaj unu el liaj
La viroj faras la leĝojn; la virinoj faras la morojn.
La forto de la virinoj konsistas en ilia malforteco.
Malriĉeco kaj amo estas malfacile kaŝeblaj.
La fortaj animoj amas; la malfortaj deziras.
La amo de la ĵaluzuloj estas kvazaŭ malamo.
La ĵaluzeco, same kiel la avareco, hardigas la koron.
Rezignacio ne estas kontenteco sed kondukas al ĝi.
La espero estas pruntepreno farita al la feliĉo.
La pardono estas forgeso pri si mem.

Tradukis L. COGEN.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO : " PERFECTA „ GENT

TELEFONO : 635

---

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO




ĈIF AL ĈIUJ HAVENOJ

**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**

**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders-Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)